# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 24/05/2014 Cent sesdek sesa eldono 24/05/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Pri Diverseco Kaj La Espero Verkis kaj produktis Andreo Bach el Gdynia en Pollando



Se Esperantujo estas kvazaŭ ŝtato, tiam ni esperantistoj konsistigas ĝian civitanaron. Loĝante en niaj patrujoj, ni sufiĉe bone scias, kiel prezentiĝas situacio en niaj propraj socioj. Kiel civitanoj de nia E-ŝtato, ni estas anoj de socioj de diversaj popoloj. Ĉu do pravas tiu, kiu opinias, ke Esperantujo estas sumo de situacioj de unuopaj socioj de sia internacia civitanaro? Ĉu tia konkludo signifas, ke la situacio de la esperantistaro estas pli komplika, ol estas kutime rilatoj en unuopaj landoj de la mondo?

Malgraŭ tio, ke laŭpremise E-uzanto celas interkompreniĝon, ĉar tiucele servas nia lingvo, li aŭ ŝi devas esti malferma kaj tolerema persono laŭ sia naturo. Esperantistoj ja ĉiutage renkontas reprezentantojn de tute aliaj socioj. Aliaj socioj signifas aliajn kulturojn kaj des pli aliajn opiniojn. Kiagrade ni kapablas akcepti tioman diversecon aŭ eĉ aliecon? Kaj kion signifas scipovi akcepti? Ĉu temas pri komprenemo aŭ rezigno pri propraj opinioj kaj alkutimiĝoj? Ktp klaku! Aŭskultu! Lernu!

# 26. (la gramatiko de E.) Fino de La Voĉoj.



Pasintsemajne mi enkondukis la Faktitivon. Jen estas kelkaj ekzemploj:

1). Per la Sufikso "-ig-":

Ŝi haltigis la aŭtobuson. Ŝi venigis la infanojn. Ŝi manĝigos la kokinojn. Ŝi i purigigas la infanon (=Ŝi i igas la infanon purigi ion). Ŝi purigatigis la hundon (= Ŝi igis iun purigi la hundon). Ŝi purigis la infanon (= la infano iĝis pura). Ŝi plibeligis la floraranĝon. Ŝi klasestrigis la knabon (=Ŝi agis ke li fariĝu la klasestro). Ŝi helpis urbestrigi tiun viron (= elekti lin kiel urbestron).

2). Per la memstara helpverbo "igi":

Ŝi igis la infanon purigi la hundon. Ŝi igis la hundon purigati (=Ŝi zorgis ke la hundo estu purigata). Ŝi igos la knabon (esti) klasestro. Ŝi helpis igi la viron urbestro. Ŝi igis la floraranĝon (esti) pli bela.

3). Per la memstara verbo "lasi", kiu signifas "ne malhelpi ke io okazos":

Ŝi lasis lin hejmiri (= zorgi ke li ne estu malhelpata). Ŝi lasis min instrui ŝin kontraŭ sia volo. Ŝi lasis la infanon purigi la hundon (= ŝi ne malhelpis lin purigi la hundon, kvankam ŝi mem ne igis lin purigi ĝin). Ŝi lasis min manĝi (= NE Ŝi igis min manĝi). .

* * * Marcel Leereveld.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo




## Ĉe Lingvaj Festivaloj

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.
La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj
La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.
Ĉu vi havas pli bonan metodon?
Kio okazis ĉe Adelajda Lingva festivalo ? Vidu paĝojn 5,6,7.

La Kolora Ŝlosilo havas preskaŭ la saman tekston
sed ĝi aspektos pli alloga. Presota baldaŭ

# Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

Unu el la La plej facilaj metodoj http://esperanto.typeit.org/ sendis Brian Barker. Kreinto Tomasz P. Szynalski • https://www.facebook.com/Typeit.org



## Esperanto-Domo Sidnejo

Anoj kunvenas nun la kvaran dimanĉon de ĉiu monato 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

La venonta kunveno okazos la 22an de Junio. La 4a dimanĉo.



La 17an de Majo venis entute 14 vizitantoj. Lumera estris lecionojn por la komencantoj kaj kelkaj Esperantistoj ankaŭ ĝuis ilin Estis bona tago.

**La arĥiva ĉambro** ĉe Esperanto-Domo La bretoj estas aĉetitaj kaj la kunmetiga laboro de ili en la arĥiva ĉambro progresas.

## Ignite Sydney






La aŭstralia Esperantisto kaj produktoro de Esperanto-TV, Richard Delamore estis akceptita prelegi pri Esperanto ĉe la ĉi-jara "Ignite Sydney" (http://www.ignitesydney.com) Dum la evento la prelegantoj havas kvin minutojn por sciigi la spektantojn pri certaj temoj. En ĉi tiu tempo ili devas prezenti 20 lumbildojn, kiuj aŭtomate progresas je ĉiu 15-a sekundo. Do la prelegoj devas esti mallongaj kaj vere elpensitaj. La evento okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj.

Jen la amikino de Benny Lewis post 2 semajna lernado de Esperanto.

http://www.youtube.com/watch?v=bzDNjJo1g2Q

Amike, Nicole




# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-05-15 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (15/05/2014) ĉeestis
Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015**

Jes, ni kongresos en Melburno: 2-a ĝis la 11-a de januaro 2015.
Multajn dankojn al Heather, kiu faras la aranĝojn.
Ni devas prepari la flugfolion kaj kalkuli la kotizojn

*** INSTRUISTO POR LA JANUARA KONGRESO**

Ni demandis Giles el Kanbero > li ne povas.
Ni proponas ke la NZ-anoj kontribuu instruiston > kiu? Eble simple ne estas.
Eble unu el Indonezio?
Do, la serĉado daŭras.

*** ESK**

Kam klarigis ke ĝi bezonas pli da tempo, … eble monaton.
Ĝenerala konsterno kaj frustracio inter la aliaj estraranoj.

*** KOMPANIO > ASOCIO**

Heather klarigis, ke la Asocia strukturo nun estas kreita kaj ankoraŭ restas la tasko fermi nian kompanion.

*** JONATHAN**

Jonathan estos en Kanado dum la venontaj tri monatoj.
Tamen, li daŭrigas sian retan laboron kaj multe komunikos kun ni.
Ni deziras al li bonan tempon.

La venonta Skype estrarkunveno okazos ĵaudon, la 29-an de majo, je la 19:00(EST)
Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor



22a Majo 1931



Kara Roger,
Ĉu mi bone komprenis, ke vi havas naskiĝtagon hodiaŭ? Do mi esperas, ke vi manĝos **bonan kukon** kaj havos tre agrablan tagon.
Amike, Nicole

Kara Roger H Springer
Laŭ nia datumbazo vi hodiaŭ festas vian naskiĝdatrevenon.
Permesu al mi ke okaze de tiu evento en la nomo de la teamo de edukado.net mi kore salutu vin kaj deziru bonan sanon, multe da energio kaj sukceso en viaj privata vivo, laboro kaj disvastigo de nia kara lingvo.
Amike, Katalin Kováts, la redaktoro de la paĝaro

Hi, Roger Springer!
La Teamo de Lernu ĉe lernu! sendas bonajn dezirojn je la okazo de via naskigtago:-) (tradukita el la angla)
Via amiko, Zam

Kara S-ano Roger, Ĝojan Naskiĝtagrevenon! El la teamanoj de Esperanto-Fako de Legio de Bona Volo (LBV) en San-Paŭlo, Brazilo.

# La Adelajda Lingva Festivalo 17 Majo 2014


*Trevor prezentas Esperanton.*


*Indrani varbas enkoridore*





*Sandor kun Ghilad Zuckermann (la alta viro), la organizanto de la festivalo*

Suprajn fotojn sendis Katja Steele

# La unua universitata lingva festivalo en Adelajdo.

Sandor Horvath jam okazigis lingvajn festivalojn en Adelajdo, en Thebarton Seniors College. Ĉi-foje liaj instigoj konvinkis profesoron de lingvistiko kaj endanĝerigitaj lingvoj Ghilad Zuckermann fari festivalon en la universitato. La ĵus 140-jariĝinta Universitato de Adelajdo estis taŭga loko por la 2-taga aranĝo, kiun ĉeestis eĉ la federala ministro pri edukado Christopher Pyne. La multnombra publiko havis okazon aŭskulti altnivelajn prelegojn pri diversaj temoj kiuj rilatas al lingvoj kaj havi 25-minutajn gustumadojn de 25 diversaj lingvoj. Kompreneble, unu el ili estis Esperanto. La prelegon pri ĝi , en la ĉeesto de proksimume 20 interesiĝantoj, faris Trevor Steele. Katja Steele kaj Indrani Beharry-Lall deĵoris en la koridoro disdonante flugfoliojn pri la venontaj E-aranĝoj, la E-ŝlosilojn kaj ĝenerale informis pri Esperanto. Sandor, krom helpi Ghilad per altiro de tutaj klasoj el sia kolegio, livero de kelkaj dancistoj kaj kantistoj por la programo de la festivalo kaj preparo de informiloj, ankaŭ mem prezentis lingvon: sian gepatran hungaran. Ghilad ricevis multajn laŭdojn jam dum la festivalo, ni esperu, ke tio spronos lin ripeti la sperton ankaŭ venontjare.



Katja Steele

Esperantistoj partoprenis la unuan Adelajdan Lingvan Festivalon.
Trevor Steele prezentis Esperanton antaŭ 45 homoj. Sandor prezentis la hungaran.
Richard Delamore venis el Sidnejo kaj filmis partojn de la evento. ( > Esperanto TV)
Lingva Festivalo estas bona oportuno por montri ke ni subtenas ankaŭ aliajn lingvojn kaj samtempe estas ĝentila metodo reklami pri nia lingvo.
Raportis Sandor Horvath



Jen kelkaj aliaj fotoj, sube, pri la Adelajda Lingva Festivalo.







# Progresa raporto pri

**Raportis Richard Delamore**



## Esperanto-TV (ETV) komenciĝis la 5-an de Aprilo… kaj multaj parolis pri ĝi kiel freŝa novaĵo aŭ kiel nova evoluo por la movado. Multaj pensoj kaj esperoj nun estas en Esperantujo… sed kia estas ETV nun?

Mi devas duparte dividi tiun demandon, ĉar estas du flankoj de Esperanto-TV: kio estas videbla de ĉiuj, kaj kio estas videbla nur de la skipo. Surface Esperanto-TV funkcias kiel ĉiutage ĝisdatigata videoludlisto; tio signifas, ke vizitante la retejon la spektantoj vidas filmojn laŭ ilia noveco. Ankaŭ oni povas traserĉi la retejon por filmoj samkiel oni traserĉas Jutubon (Youtube). Tio estas la surfaca aspekto de la kanalo, kaj ĝi fakte prenas nur iomete da tempo de la skipo. Interne la skipo de Esperanto-TV vigle prilaboras kelkajn gravajn problemojn. Ni devas organizi filmtagojn ĉe la studio, redakti materialon, verki, traduki, kaj dubli la enhavon, krome ni devas trovi kapitalon por plenigi niajn estontajn planojn, starigi

rilatojn kun Esperantaj kaj neesperantaj grupoj, merkati kaj reklami la kanalon ktp. Do en la nuna teĥnologia mondo, la distingo inter televido, radio aŭ ĵurnalo kaj blogo aŭ film-kolektoj estas tiu nevidebla aspekto. Kiel vi povas imagi, la nevideblaj aspektoj de la kanalo ĉiam kreskas!

## Ofte Esperantistoj estas kritikemaj ĉefe antaŭ novaj proponoj… kiel bone rimarkis Julio Baghy per "Estas mi esperantisto". Ĉu la skipo de ETV ricevis kritikojn? Se la respondo estas jesa, kiaj kritikoj ili estis kaj kial, laŭ vi, tio okazis?

Kompreneble ĉiam ekzistas kritikemuloj, kaj kiam ĝi rilatas al televido en Esperanto la kritikemuloj duobliĝas. La plej ofta kaj komprenebla kritiko, kiun ni ankoraŭ aŭdas de certaj Esperantistoj estas "Flavio Rebelo jam provis krei Esperanto-televidon kaj tute fiaskis – Do ne eblas, vi ĉesigu vian laboron" La kialoj por lia malsukceso estas diversaj, sed mi ne klarigas tion ĉi tie. La dua kritiko estas aŭ "La kvalito estas ne profesia" aŭ "Mi vidas ian gramatikan eraron tie kaj tie" Kompreneble la kanalo ne estas je la sama nivelo de naciaj televidoj, ĉar mankas al ni la mono kaj la tempo je ilia dispono. Pri la lingvaĵo, ŝajnas, ke multaj Esperantistoj spektas la kanalon ne por ĝui la enhavon sed simple por trovi erarojn. Al tiuj homoj mi simple volas diri, ke estas preskaŭ neeble forigi ĉiujn erarojn faritajn en la filmoj kaj ĉe la oficialaj paĝoj. Ankaŭ mi aparte ricevis multajn retpoŝtojn de homoj, kiuj volas reklami siajn ŝanĝojn al la lingvo, aŭ volas, ke ni uzu certajn vort-formojn aŭ gramatikajn solvojn.

## Kiel en la sporto, por gajni la matĉon la teamo devas esti solidareca, kompakta kaj devas havi bonajn membrojn. Do kion vi povas diri pri la skipo de ETV?

La skipo de Esperanto-TV entenas la plej bonajn kaj diligentajn laborantojn, kun kiu mi iam havis la plezuron kunlabori. Ili ĉiutage prilaboras la kanalon sen dankoj kaj sen mono, ili laboras nur por la amo de Esperanto kaj televido. Kompreneble la plejmulto de la skipo ne devenas de la filmindustrio, kaj tiuj, kiuj jam laboris profesie en la filmindustrio devas lerni rolojn antaŭe nefaritajn. Do jes ja ni faras multajn erarojn starigante Esperanto-TVon, sed ankaŭ ni multe lernis. Kompreneble ni havas niajn internajn batalojn kaj malsamajn opiniojn, sed ni scias, ke je la fino de la tago ni ĉiuj prilaboras la saman celon – krei la plej bonan Esperanto-televidan servon en la mondo.

## Kompreneble via teamo havas ideojn, planojn kaj celojn. Ĉu vi povas paroli pri ili aŭ ĉu vi preferas ne kompromitiĝi per tro frua respondo?

Certe mi povas! La projekto havas tri apartajn fazojn, tiuj estas enkonduko, tutmonda elsendo/kunlaborado, kaj daŭra produktado. La unua fazo de la projekto jam sukcesis; ni celis starigi la kanalon kaj trovi kunlaborantojn el la tuta mondo, kaj kiel niaj spektantoj povas vidi, ni certe plenigis tiun celon. Krome ni jam komencis dubli kaj produkti la unuajn originalajn programojn! Sed la kanalo nuntempe estas ankoraŭ Jutub-stila kaj ne vere elsendas kiel ordinara televida stacio (kvankam interreta). Jen la dua celo! elsendi la televid-kanalon flue per tre rapida Interreto per IPTV-teknologio samkiel kutima televido. Tiu sistemo, fakte, ebligas eĉ novajn televidaparatojn kaj poŝtelefonojn ricevi la elsendon. Tamen por plenigi ĉi tiun celon necesas financa subteno de kelkaj grupoj por akiri la bezonataĵojn. Feliĉe mi povas diri, ke ĉi tiu celo jam estas duone kompletigita kaj do baldaŭ niaj spektantoj povos ĝui “pli tradician” elsendon. La tria fazo celas resume instigi la kreskon de la Esperanto-filmindustrio kaj kinarto, ĉar kompreneble ni ne povas ĉion fari. Tiu lasta celo estas persone grava al mi, ĉar mi komencis tiun projekton sopirinte veran Esperantan filmindustrion.

## Mi antaŭe menciis Baghy kaj lian poemon pri la esperantistoj. Laŭ la hungara verkisto, esperantujo ne estas loĝata nur de kritikemuloj sed ankaŭ de ŝparemuloj. Esperanta medio ne estas “riĉa” kaj ne estas tiel granda (domaĝe) por certigi ekonomiajn sukcesojn. Do, ĉar la produktado de televidaĵoj kaj filmoj postulas gravajn elspezojn, kiel vi celas venki tian malhelpon?

Esperanto-TV apartenas al la neprofita organizo “La Lingva Festivala Asocio” do profiti kompreneble ne estas nia ĉefa celo. Tamen ni ne deziras ekspluati partoprenantojn kaj kunlaborantojn, do ni intencas kompensi nin kaj ilin pro la okupo de tempo kaj sindevigo, kiam ni atingos sufiĉe da spektantoj por gajni la necesan financon per reklamoj, asocioj, donacoj, kaj registaraj subvencioj. Ni ankaŭ baldaŭ starigos retbutikon por vendi Esperantajn varojn, kiuj ni esperas alportos iom da mono. La Esperanto-TV skipo ankaŭ prilaboros aliajn neesperantajn projektojn por helpi akiri la necesan financon. Pormomente pago de elspezoj kaj la investado en la projektoj estas prioritatoj.

## Kiel oni povas spekti Esperanto-TVon?



Oni povas spekti Esperanto-TVon pere de nia retejo:
http://www.esperantotv.net/

Ĉiutage aperas nova filmo!